# ESPERANTO EN AFRIKO



Oficiala bulteno de la Afrika Komisiono de UEA Numero 30 (2017: 1)


*Karaj legantoj,*

*2017 estas la jaro de la unua Internacia Junulara Kongreso (IJK) en Afriko. Jam nun eblas trovi per la retpaĝo* http://ijk2017.tejo.org *informojn pri la kongresa temo, ekscii pri kotizoj, konatiĝi kun partoprenkondiĉoj kaj respondoj al oftaj demandoj, kaj plej grave – mem aliĝi al la kongreso! Eblas ankaŭ subteni partoprenon de junaj afrikaj aktivuloj al la IJK en la togolanda marborda urbo Aného. Bonvolu partopreni kaj kontribui por la sukcesa realigo de ĉi tiu mirinda renkontiĝo!*

*En tiu ĉi trideka numero de la bulteno estas ankaŭ raportoj pri Esperanto-agado en la kontinento. Tio estas pruvo, ke malgraŭ la malfacilaj cirkonstancoj afrikanoj konstante aktivas. Ĉiu en la limo de sia eblo alportas sian ŝtonon por la konstruo de ĉiam pli forta kontinenta movado.*

*Tralegante la sekvajn paĝojn, oni pli bone enprofundiĝos en la diversaj agadoj, malkovros la entuziasmon de afrikaj samideanoj kaj eble ankaŭ vidos kiel pli efike helpi al la tiea movado, kiu pli kaj pli trovas sian vojon. Estas ankaŭ nia espero, ke la samideanoj en la landoj, kie lamas la movado, imitos la agemajn esperantistojn, pri kiuj raportas la bulteno.*

*Kaj en pripenso pliproksimigi la bultenon al multe pli da homoj, kreiĝis fejsbuka paĝo, kie konsiloj, sugestoj, kritikoj kaj proponoj por plibonigi la bultenon estas bonvenaj. La ligilo al la paĝo estas:* https://www.facebook.com/esperantoafriko.

***Adjé Adjévi***

************

# Alvokoj pri la unua IJK en Togolando, Afriko




Ĉi-jare la Internacia Junulara Kongreso (IJK) okazos por la unua fojo en Afriko kaj precize en Aného, Togolando, de la 5-a ĝis la 12-a de aŭgusto 2017 sub la temo: *Virinoj kaj viroj kun siaj kulturoj*. Jam nun eblas aliĝi kaj koni la lokon kaj baldaŭ la tutan programon de tiu internacia renkontiĝo per ĝia retpaĝo *http://ijk2017.tejo.org*.

TEJO ĝojas ankaŭ prezenti al vi tri alvokojn por partopreni la renkontiĝon subtene al ĝi.

- Partoprenu en la IJK kun helpo de TEJO kadre de la projekto Eŭrop-Afrika Junulara Kapabligo.
- Fonduso *Partoprenu IJK*, por ekstereŭrop-unianoj kaj eksterafrikanoj.
- Partoprenu en la IJK, speciala okazo nur por afrikanoj.

Pli da detaloj legeblas per *http://tejo.org.* La limdato por kandidatiĝi estas la 21-a de aprilo 2017.

**El Tejo-Aktuale**

# Iom pri la urbo Aného, la sidejo de la 73-a IJK




Aného estas la lasta urbo antaŭ la limo kun Benino, sudoriente de Togolando. Kun grandeco de 32 km² la urbo estis dufoje la ĉefurbo de Togolando (1886-1897 kaj 1914-1919). Oni kalkulas je 25 000 la nombron de ĝiaj loĝantoj.

La etnogrupoj *Guin* kaj *Mina* (elmigrintoj de Gold Coast, la nuna Ganao) estis la fondintoj de la urbo en la frua dek-oka jarcento. Kiam ili alvenis, ili trovis kelkajn popolojn de indiĝenoj, nome *Adja*, *Péda* k.s. La urbo antaŭ la kolonia epoko spertis ekonomian eksplodon pro sia geografia pozicio ĉe la marbordo kaj pro la komerco de sklavoj.

Aného certe estas unu el la urboj kun la plej granda rasa miksiĝo en Togolando. Temas pri ĉarma urbo kun spektaklo de rivero, kiu ĵetas sin en la maron. En la urbo videblas postsignoj de la germana administracio.

La kokosoj, manĝaĵoj, pejzaĝoj, historioj, tradiciaj praktikoj de Aného konsistigas tutan ĝuindan universon. La kongresanoj estas bonŝancaj havi tiel riĉan sperton en la IJK kaj ĉirkaŭaj ekskursoj.

**La redakcio**



**Dum rito de tradiciaj pastrinoj en Aného**

# Impresoj pri la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto



**Esperanto-teamo dum la 6-a AKE de UEA**

************

*Mia revojaĝo al Kenjo okazis bonorde kun miaj samlandanoj, ni dankas vin ĉiujn, kiuj helpis nin dum la kongreso. Mi esperas denovan renkontiĝon inter ni ie en Esperantujo!*

***Andrew Misoy, Kenjo***

*Nun mi havas tempon skribi al vi por ege danki al vi ĉiuj, kiuj kunlaboris por prizorgi min – komencanto en Afriko – kaj laboris por la sukceso de la kongreso. Bone funkciis la AMO-seminario, same la ekzamenoj donis bonan rezulton. Impresa estis la ekskurso al Serengeti, kaj la vizito al la E-lernejo en Marambeka fine de la kongreso. Ankaŭ la ekskurso sur la lago Viktorio.*

*Mi ekkonis multajn el vi, aŭdis viajn rakontojn, dezirojn, kaj trovis la kongresan etoson tre pozitiva. Mi provos, kiom mi povos, ne lasi al Afriko forgliti el mia atento, kvankam pro multaj aliaj devoj ne eblos ĉiam plenumi ĉiun deziron. Ni havas du bonajn rekomendlistojn (AMO 29 kaj 6-a AKE), necesas, ke ni laboru, por ke almenaŭ iuj el tiuj realiĝu!*

***Stefan MacGill, Hungario***

*Ĉion faras la homoj, kaj en Bunda kunvenis homoj kun homoj. Sed ne eblis kontentigi ĉiujn dezirojn, sed ĝenerale ĉio bonetose disvolviĝis dum la kongreso. La futbala ludo estis unu el la plej imponaj atingoj de la 6-a AKE de UEA el la reklama vidpunkto, ĉar ĝi elsendiĝis radie de Mazingira. La Afrika Komisiono de UEA lernis el la malglataĵoj dumkongresaj kaj certe strebos plibonigi la venontajn kontinentajn kongresojn. Mi persone agrable ĝuis la momentojn en Bunda kaj nun bonorde revenis al Burundo.*

**Sabiyumva Jérémie, Burundo**

************

*Mi ĝojas informi vin ke ni bone hejmen revenis kaj nun ni jam estas en Eŭropo. Mi tre ĝojas, ke la Afrika Kongreso estis tre sukcesa.*

**Gábor Márkus, Hungario**

************

*Dankon al ĉiuj, kiuj zorgeme sukcesigis la kongreson.*

**Mana Brinson, Kongo**

************

*Mi tre ŝatis esti ĉe vi en Bunda, sed mi forte opinias ke la afrika kontinento devus havi oportunon gastigi UK-on, ĉar laŭ mia opinio, vi bone gastigis nin esperantistojn, vi flue parolas E-on. Krom tio la plej granda parto el vi estas junaj, helpemaj kaj sindediĉaj. Mi pensas tiel: vi en Afriko estas la estonto de Esperanto. Mi fidas je tio.*

**Shigueco, Brazilo**

************

*Kun ĝojo mi partoprenis en tiu evento, kiu okazis fine de la jaro 2016 en Bunda, Tanzanio. Dankegon al TEJO kaj UEA pro la subtenoj al afrikanoj, kiuj povis tiel partopreni la kongreson senprobleme. Estis vigla etoso dumkongrese, mi ege ŝatis tion. Ankoraŭfoje dankon al ĉiuj!*

**Sharifa Abas, Kenjo**

************

*En Bunda ni ne restis azianoj kun afrikanoj, japanoj kun tanzanianoj, sed homoj kun homoj, kiel Zamenhof esperis. Mi neniam antaŭe estis kun tiom multe da afrikanoj. Ili bonege parolis Esperanton, ili eĉ kuraĝis partopreni en la kongreso kun nul-jaraĝaj beboj. Tiel la beboj denaske ekscias pri Esperantujo…*

**Tahira Masako, Japanio**



**Vizito de ekspoziciitaj E-verkoj**

*Mi kontentiĝis pri mia partopreno en la 6-a AKE. Mi neniam partoprenis E-renkontiĝojn en Afriko, mi pasigis neforgeseblan momenton en Tanzanio. Mi vidis, ke multaj aliaj eksterafrikanoj, ĉefe eŭropanoj, ne povis vojaĝi al Tanzanio por la kongreso. Kelkaj aliĝis sed finfine decidis ne veni al la kongreso.*

*Dum la kongreso mi multe lernis koncerne la Afrikan movadon, antaŭe mi estis relative nescianto pri ĝi. Mi vidis ke ekzistas multaj geesperantistoj en Afriko; sed granda parto de vi ne havis oftan rilaton kaj ne povis facile interuzi la lingvon.*

*La kongreson, laŭ mia sento, markis nova elano. Mi komprenis, ke multaj deziras ekkrei pontojn inter la diverse izolitaj homoj kaj arde fariĝi sendependaj, por ne daŭre atendi eventualajn helpojn de eksterlandanoj. Por mi tiu starpunkto tre gravas.*

*En mia lando, mi ne tiom aktivis kiom vi. Sed post la kongreso, mi devis iom pripensi pri la afero. Ni, geesperantistoj, devas konstante disvastigi nian lingvon inter tiuj miliardoj da loĝantoj de la terglobo. Do mi iom pli aktive alportos mian modestan kontribuon. Mi ja sentis min denaske mondcivitano. Nia terglobo estas vastega vilaĝo kaj mia lando estas kvartalo de ĝi. Kion oni faras nun, tio montros la vojon al la venontaj generacioj. Ni ne dubu pri tio!*

**Yannick Naulet, Francio**

************

*Okaze de la lunkalendara novjara festo, mi deziras al vi sanon kaj feliĉon. Mi sendas al vi tri raportojn pli pri niaj rondvojaĝoj al Afriko:*
- *la ridetoj de Afriko:* http://blog.naver.com/sokoguryo/220921244583,
- *la ridoj en Esperanto:* http://blog.naver.com/sokoguryo/220921249105 *kaj*
- *la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto:* http://blog.naver.com/sokoguryo/220920387369.

*Fartu bone.*

**So Gilsu, Koreio**

*Mi salutas vin el mia hejmurbo Aruŝa. Mi re-hejmiĝis kaj nun reprenis mian normalan vivon post la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto en Bunda. Laŭ mia konkludo, tiu kongreso sukcese okazis kun relative granda partopreno de diversaj homoj el diversaj landoj.*

*Mi ĝojis, ke la urbo Bunda rimarkis la ĉeeston de esperantistoj kaj mi dankas al la samideanoj, kiuj pripensis okazigi la piedpilkan eventon. Certe tiu evento ne facile forviŝiĝos el la memoro de multaj homoj en Bunda. Mi proponas, ke piedpilko estu unu el la prioritatoj dum Afrikaj Kongresoj.*

*Laŭ mia scio kongresoj okazas por plibonigi komunikadon inter la esperantistoj, do mi petas, ke la Afrika Komisiono estu nun pli respondeca instanco por kunigi homojn ĉirkaŭ E-agadoj. Mi estas preta prezenti spertojn, kiujn mi havas por plibonigi la Esperanto-movadon en la kontinento. Ni sentu nin kiel unu familion kaj ne individuojn! Ni pripensu kaj evitu la dividon, kiu povas esti malbona al la kontinento. Ni akceptu kritikojn de niaj kolegoj, kaj lernu saĝe el niaj eraroj.*

*La kongreso en Bunda estu paŝo por lerni kaj malkovri pli bonan manieron kunlabori. Mi aŭdis pri la unua Afrika Kongreso, la dua kaj la tria al kiuj Tanzania Esperanto-Asocio sendis partoprenantojn. Ĉiam estis io neenorda, kiu verŝajne ankoraŭ okazis en Bunda, pri kiu kelkaj partoprenantoj ŝajnis ne kontenti. Sed ĝenerale oni ĝojis kaj gratulis la afrikanojn, ke ili posedas altan scion de la lingvo, kio certe estas bonega por la Esperanto-mondo.*

*Mi petas ĉiun el ni ankoraŭ pli posedi la arton kunlabori, same kiel ni posedas la lingvon, ni fidu unu la alian kaj ni laboru kune. Povas esti aliaj komunumoj kaj federacioj en la kontinento, sed ni ĉiuj povas kunlabori kaj ne interbatali ĉar ni ĉiuj intencas disvastigi la lingvon en nia kontinento.*

*Nome de la loka kongresa komitato mi petas pardonon se mi faris ion dum la kongreso, kio ne plaĉis al vi aŭ se mi aŭ iu alia agis malbone, senscie aŭ senintence kontraŭ vi, bonvolu senkulpigi nin. Se mi iel parolis malbone al vi aŭ al iu, bonvolu kompreni, ke tio okazis pro premo, kiun mi/ni havis pro la fakto, ke iuj aferoj ne ŝajnis disvolviĝi laŭ la kvalito de la socia tavolo al kiu mi apartenas (scio, sperto ktp). Mi pardonpetas al vi ĉiuj. Al ĉiuj, kiuj ankaŭ agis malbone al mi, mi forpardonas.*

***Costantine Mashauri, Tanzanio***

* Raportoj pri la kongreso aperis en la revuo *Esperanto* de UEA, n-roj 1309 (1) kaj 1310, de la jaro 2017.

# Kongresa rezolucio

*De la 24-a ĝis la 31-a de decembro 2016 okazis en Bunda, Tanzanio, la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto de UEA (AKE), en kiu partoprenis 74 geesperantistoj el 14 landoj. Dum la kongresa semajno estis diskutite pri paco, evoluo, vojoj kaj rimedoj por pli vigle vivigi Esperanton kaj la movadon en Afriko. La 6-a AKE de UEA akceptas la sekvan rezolucion.*

*1- UEA firmigu la regularon pri kontinentaj kongresoj, ĝi kreu praktikan gvidilon pri organizado de tiuj eventoj kaj engaĝu sin pli forte en iliaj financaj kaj reprezentaj aspektoj.*
*2- La 7-a Afrika Kongreso de Esperanto de UEA okazu principe post tri jaroj en lando kaj urbo decidotaj de la Afrika Komisiono, konsulte kun afrikaj landaj asocioj, la Estraro kaj Oficejo de UEA.*
*3- La Afrika Komisiono studu la eblojn okazigi Afrikan Kongresan Universitaton kadre de la 7-a Afrika Kongreso de UEA.*
*4- TEJO, UEA kaj la Afrika Komisiono kunlaboru por ebligi partoprenon de junaj aktivuloj el diversaj afrikaj landoj en la IJK 2017.*
*5- Okazu UK en Afriko, kie ĉiam ardas la deziro pri tio. La Afrika Komisiono konsulte kun afrika landa asocio en kiu regas harmonio, pretigu klaran invitproponon al UEA por la periodo ekde 2020. Por tiu Afrika UK, UEA kaj la Afrika Komisiono klopodu kapabligi afrikanojn per serio da trejnadoj. La Afrika Kongreso ne estu nur plia kongreso, sed evento por ankaŭ realigi evoluigan projekton en la gastigonta lando.*
*6- Afrikaj esperantistoj uzu Esperanton por konservi, savi, disvolvi la kontinentan kulturon, ekzemple per verkado aŭ tradukado de libroj kaj produktado de artaĵoj.*
*7- Ni kuraĝigu novajn regionajn organizaĵojn kaj renkontiĝojn en Afriko, por ke ne ĉiuj devu sekvi nur la aktivaĵojn de la Afrika Komisiono.*
*8- Lernado estas la bazo de ĉiu disvolviĝo, la lingva nivelo de la Esperanto-parolantoj en Afriko estas altigenda. Okazu regule en la kontinento aktivulaj trejnadoj por flegi la lingvan konon kaj konduton de afrikanoj.*
*La laboro por Esperanto estas laboro pri mondo pli paca. Afrikaj esperantistoj kapablu kompreni, lerni kaj respekti sin reciproke.*

***Bunda, Tanzanio, la 31-an de decembro 2016.***

# Superrigardo pri Esperanto-agadoj 2016 en Afriko

**En la ĵus pasinta jaro okazis rimarkindaj atingoj en la kontinento. Disvolviĝis sukcese la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto de UEA, eventoj lige al *la jaro de la lernanto* realiĝis, rilatoj kun TEJO neniam antaŭe estis pli proksimaj kaj firmaj, okazis AMO-seminario, la afrika bulteno aperis regule kaj eĉ reakiris normalan ritmon, kreiĝis la unua retradio… Sed necesas konstante flegi tiujn semojn por iompostioma plia enradikiĝo de Esperanto en la kontinento.**

La komisiona bulteno *Esperanto en Afriko* aperis kvarfoje kun la nova redaktoro Adjé Adjévi. La enretigon de la bulteno kaj aktualigon de la retpaĝo prizorgis Jean Codjo. En Madagaskaro kreiĝis la unua retradio, la unua en Afriko, nome *Aminda Reta Radio*, iniciate de Fidilalao F. Henriél. La prezidanto de la organiza teamo de la 6-a AKE, Mramba Simba, aranĝis bonan informan agadon tra la kongresa urbo Bunda kaj ankaŭ la loka radiostacio *Mazingira FM* elsendis la malfermon. La Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO Veronika Poór kaj la afrika kunordiganto parolis pri Esperanto en programoj de la togolandaj naciaj radio kaj televido. TEJO-delegacio kun du togolandaj esperantistoj renkontiĝis kun la direktoro de la kabineto de la Ministro pri Kulturo, Sporto, Artoj kaj Civila Klerigado. Ĉe la radio *Alliance FM* en Rutshuru, Kongo, Joel Muhire pluokazigis tra la jaro duonhoran radio-elsendon ĉiumarde. En Kotonuo, Benino, partoprenintoj en la TEJO-seminario donis intervjuojn al loka radio, danke al NRO SSB. Dekduo da portaloj raportis pri la 6-a AKE. En la togolanda privata gazeto *Forum de la semaine* Adjé Adjévi publikigis pri la Nitra UK. La komisiono laboris ankaŭ por diskonigi Esperanton en fejsbuko.

La plej signifaj eventoj lige al *la jaro de la lernanto* estis la okazintaj lingvaj kursoj kaj la 29-a AMO-seminario en la tanzania urbo Bunda. Dum la trejnado lertiĝis primovade kaj lingve 40 homoj. Kelkaj el tiuj ĉi trapasis la movadajn ekzamenojn de ILEI/UEA, 8 ekzameniĝis sukcese ĉe la elementa nivelo kaj aliaj 8 ĉe la meza nivelo. Per populara ŝagtelefona aplikaĵo vacapo ekfunkciis klaso por komencantoj el Benino, Togolando, Niĝero, Kongo sub la gvido de la komisiona gvidanto. Dudeko da homoj sekvis la kurson kun pli-malpli bonaj rezultoj. Menciindas ankaŭ E-kurso en la bazlernejo *Nijima* (Kongo), la lingvaj kursoj de la benina junulara sekcio BOJE kun 41 kursanoj jar-komence, de Désiré Rabevazaha en Madagaskaro kaj de Esperanto-Centro de Rumonge. Aparte estis la seminario de TEJO en la benina ĉefurbo Kotonuo pri kapablo-konstruado de 20 gejunuloj el 4 afrikaj kaj 4 eŭropaj landoj kadre de la Afrika-Eŭropa Junulara Kapabligo (AEJK). Naskiĝis ILEI-sekcio en Tanzanio, ĝi estis oficiale kaj formale agnoskita de la instruista ligo dum ĝia 49-a konferenco en Nyíregyháza en Hungario.

Nome de la Komisiono Sabiyumva Jérémie esplorvojaĝis al Tanzanio. En la tiea norda urbo Bunda okazis la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto kun 74 partoprenantoj el 8 afrikaj landaj kaj 6 alikontinentaj landoj. Tiu kongreso estis la plej multnacia el la afrikaj kongresoj kaj la dua laŭ la nombro de aliĝintoj post la 1-a en Togolando 1990/1991. Partoprenis Stefan MacGill, la vicprezidanto de UEA. Gravis planoj por estonteco, kaj la kongresanoj kaj aparte afrikanoj en Tanzanio eluzis la okazon interhome diskuti kaj fari proponojn en la formo de rekomendoj kaj rezolucio. La kongreso estis sukceso, pruviĝis la forto de la afrika movado mem aranĝi regule sian kontinentan kongreson en ligo kun diversnaciaj esperantistoj tra la mondo. Parto de la kongreso estis filmita kaj enretigita de prof. So Jinsu per *https://www.youtube.com/watchv=WXRYlsGNdco*. En Togolando okazis la 24-a nacia Esperanto-kongreso decembre.

La Afrika Komisiono kunlaboris kun TEJO pri la okazigo de la 73-a IJK en Aného, Togolando. Okazis progreso pri la kongresaj aferoj, TEJO-delegacio, el kiu estis Arina Osipova respondeca estrarano pri kongresoj, vizitis la kongresejon kune kun Veronika Poór kaj Pierre Vittet, kunordiganto de la AEJK-projekto. Tie ili havis gvidon tra la ejo kaj interparolojn kun la lerneja estro. Post la semajna aktivaĵo en Kotonuo aliaj TEJO-funkciuloj kaj membroj venis konatiĝi

kun la kongresaj urbo kaj ejo.

En la Afrika Oficejo de UEA parttempe laboris Bernard Gnancadja kun helpo de lokaj gejunuloj. Ekster la oficejo kunlaboris Jean Codjo, Adjé Adjévi kaj aliaj kunlaborantoj. La oficejon vizitis la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj de TEJO akompanate de la afrika kunordiganto. Ankaŭ UEA-estraranino Sara Spanò kun sia edzo kaj la TEJO-sekretariino vizitis la Oficejon. En ĝi okazis informkunvenoj de BOJE kaj aliaj renkontiĝoj, nome kafklaĉoj. AO pliriĉiĝis per dekoj da porteblaj komputiloj, donacitaj de kontaktoj el Kanado. Ĝi aranĝis konkurson, kies premiito estis Esperanto-Rondo de Bunda. Jara subvencio disiris al UEA-asocioj en Benino, Burundo, DR Kongo, Togolando kaj kluboj en Tanzanio kaj Kenjo. La komisiono eldonis la libron de la 6-a AKE. Krom emo pri verkado, kelkaj afrikanoj ankaŭ komponis unuopajn kanzonojn en Esperanto kaj ankoraŭ aliaj produktis filmon. Ekzemplo de tiu ĉi estas la filmo *Infanaj rajtoj* de Kahindo Jérémie, parto de ĝi estas spektebla per *https://www.youtube.com/watchv=ebgOo0iMdD4*. Priskribo pri la filmo aperis en la kontinenta bulteno numero 28. Dum la 101-a UK en Nitro okazis kunveno pri la afrika agado, sub la gvido de Lee Jungkee kaj afrika gvidanto kun apogo de Mireille Grosjean. Adjé Adjévi deĵoris ĉe la afrika budo kaj disdonis informilojn kaj ekzemplerojn de *Esperanto en Afriko* al multaj kongresanoj. Okazis monkolekto por la *Afrika Fondaĵo* per vendo de libroj. Adjévi ĉeestis krome en la 72-a IJK kaj la 49-a ILEI-konferenco.

Entute, en 2016 estis kontakto pri Esperanto en 22 subsaharaj afrikaj landoj. El tiuj, 17 landoj havas aŭ deklaris asocion, 8 havas aliĝintajn asociojn ĉe UEA, 5 kun landa sekcio de TEJO kaj 6 kun landa sekcio de ILEI. ILEI krome havas reprezentantojn en pliaj landoj.

**Afrika Komisiono de UEA**

**Vi estas aktiva, vi deziras aliĝi en UEA sed mem ne povas pagi plenan kotizon. *Fondaĵo Canuto* povas helpi vin ricevi membriĝon en UEA. Bonvolu priskribi viajn agadon en la antaŭa jaro kaj planon por la nuna jaro en mesaĝo, kiun vi sendu rete al: *canuto@co.uea.org*.**

# Raportoj de unuopaj landoj

## Benino

Kompare kun la antaŭaj jaroj, la movado en Benino estis riĉe eventoplena en 2016.

La landa asocio ABeE ricevis subvencion de UEA. 60% el tiu mono iris al kluboj por ebligi iliajn agadojn en la jaro. Raportis pri sia agado la ĉi-sekvaj E-instancoj, nome Klubo *Sankta Harmonio* de Ayahohoué-Klouekanme, Klubo *Monda Familio* de Azovè-Aplahoue, Klubo *Nova Sento* de Hondjin-Klouekanme, *Vivi Kun Esperanto* de Koĝi-Adohoun, beninaj sekcioj de ILEI kaj TEJO (BOJE).

La instruado de Esperanto estas la precipa rimedo por disvastigi la internacian lingvon. Tial ĉi unu el niaj plej gravaj klopodoj estis trafe organizi tiun ĉi instruan laboron, ke ĝi produktu esperantistojn. La instruado do okazis per ĉeestaj kontaktoj kun lernantoj. Resume, Esperanto-instruado ricevis apartan atenton en kluboj. Fakte, okazis, tra la lando, lingvokursoj, laŭ difinitaj programoj kaj per diversaj materialoj. BOJE aranĝis tuttagan instruadon jarkomence por ĉ. 50 gejunuloj. En la duagrada privata lernejo *Enfants et adolescents épanouis* en Lokossa Emile Agbassou gvidis kursojn ĉiusabate por gejunuloj.

Gnancadja Bernard, Guiya Cyprien kaj Eke Athanase nome de BOJE partoprenis seminarion de TEJO pri kapablokonstruado en Kotonuo, Benino, kune kun aliaj enkontinentaj kaj eŭropaj gejunuloj. Dum la seminaria semajno aranĝiĝis ekskurso al Ganvié por la tuta partoprenantaro. Tiu paŭza evento okazis sub la gvido de Gnancadja B.

Dum la trejnado en Kotonuo partoprenantoj, i.a. Pierre Vittet, Cédric Marchal, donis intervjuojn al la loka radiostacio *Soleil Fm*. Du ĵurnaloj *Notre Voix* kaj *Le Pays Emergent* raportis pri la seminario, danke al monkontribuo surloke farita de ĉiuj seminarianoj.

Aparta duontaga kurso okazis sub mia gvido por entute 23 komencantoj en la kristana preĝejo *Eglise du triomphe de l'Evangile* en la vilaĝo Hêvié-Houinmin, ok kilometrojn de Kotonuo. La kursanoj plejparte eksciis pri Esperanto tra reklamo en lokaj komunik-kanaloj.



Partoprenintoj de la unua aktivaĵo de TEJO kadre de AEJK

Menciindas la vizito de la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO Veronika Poór al la Afrika Oficejo, kie ŝi renkontis kaj babilis kun trideko da esperantistoj. Ŝin akompanis Adjé Adjévi, la kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA. Ankaŭ la estrarano de UEA Sara Spanò, Francesco Maurelli kaj Arina Osipova vizitis la Afrikan Oficejon por sciiĝi pri ĝiaj funkciado kaj laborkondiĉoj.

En aprilo 2016 SAT-Amikaro donacis al nia landa asocio esperantaĵojn. Tiuj ĉi konsistis plejparte el vortaroj. Subtenoj al la movado en Benino venis diversforme. Agnès Geelen (Belgio), ekz., abonigis min kaj Gnancadja B. al la revuo *Monato*. Koran dankon al ŝi.

Kiel en antaŭaj jaroj, komunaj tutlandaj renkontiĝoj ne povis okazi en 2016 pro malsufiĉaj financaj rimedoj. Ankaŭ kelkaj kluboj iom suferis pro tio, ke kelkaj el iliaj aktivaj membroj sukcesis abiturientan ekzamenon kaj devis tiam forlasi la klubojn por la universitataj studadoj en Kotonuo.

**Latifou Gbadamassi**

************

# Burundo

Kiel tradicie, okazis perkoresponda kurso al ŝtatfunkciuloj, kiuj ne povis sekvi kursojn en kluboj. 16 personoj el la ministerio pri Edukado kaj tiu pri Publika Sano sekvis perkorespondan kurson, sub aranĝo de Ntakiru Timana Justin, Nahabakomeye Jackson kaj Josaphat. La kursanoj kontentige evoluis en la lingva lernado, tiel ke estas espero daŭrigi la kurson kun ili en la sekva jaro per pliaj sindonemaj esperantistoj. Okazis diversaj reklamoj pri la E-agadcentro de Rumonge. Rezulte, kelkaj neesperantistoj ekvizitis ĝin por lerni aŭ ricevi informojn pri Esperanto.

Tri burundanoj, nome Didier Nshimirimana, Niyukuri Gilbert kaj Sabiyumva Jérémie vojaĝis al la benina ĉefurbo Kotonuo kaj tie ili partoprenis en la unua aktivaĵo de TEJO pri kapablokonstruo kadre de la projekto Afrik-Eŭropa Junulara Kapabligo (AEJK). Tri enlandaj esperantistoj partoprenis ankaŭ en la 6-a AKE, kiu okazis en Tanzanio. Aktivuloj de ANEB, kunlabore kun estraranoj precipe la prezidanto kaj la sekretario, faris vizitojn al diversaj kluboj. Ekzemple, en Buĵumburo, Gilbert Niyukuri, sekretario de la junulara sekcio, kaj Gilbert Ndihokubwayo, vickasisto de ANEB, vizitis klubojn de Buĵumburo. Tie fondiĝis nova klubo sub la gvido de Japhet Ntunzwenima. En Buyenzi la kluba vivo pluokazis vigle. En Gasanda ni ne sukcesis renkontiĝi kun tieaj esperantistoj malgraŭ niaj klopodoj. Eble ili fuĝis eksterlanden pro la politika krizo enlande. La kluboj de Kiremba malaktiviĝis, sed post nia vizito, la membroj promesis plivivigi ĝin agade. En Makamba disvolviĝis elstare virinaj klubaktivaĵoj. Notindas, ke dum tiuj vizitoj, kluboj ricevis lernolibrojn, kiujn la asocio havigis per la subvencia mono de la *Afrika Fondaĵo* de UEA.

Perspektive, ANEB planas pluokazigi la perkorespondajn kursojn, multobligi la vizitojn al kluboj por kuraĝigi ilin, revigligi la dormantajn klubojn, kunlabori kun TEJO por dungo de volontulo, resti en kontakto kun internaciaj organizoj, inviti kaj organizi AMO-seminarion, organizi nacian kongreson por renovigi la instancojn de ANEB.

**Sabiyumva Jérémie**

**Legu la bultenon *Esperanto en Afriko***
**en la reto: *www.esperanto-afriko.org***
**Vi estos bonvena inter la legantoj!**

# Kameruno

La ĝenerala kunveno de Asocio por Esperanto en Kameruno okazis en la urbo Duala kaj pli precize en la hejmo de sinjoro Nkou II Jean Paul, de la 6-a ĝis la 9-a horoj vespere de la 31-a de januaro 2017.

Ĉeestis ges-roj Wang Thomas Séraphin, Nto Victor, Bakemhe Louis, Nkoum Jonathan, Nkou II Jean Paul, Nguimbis Luc Christian, Nguefack Chamberline, Dimoli Carine kaj Essome Charlotte. Permese forestis la pastro Anda Gabriel, Bapa Blaise kaj Ngo Mbeleck Géneviève.

La laboroj de la kunveno komenciĝis per preĝo, memore al la forpasintaj esperantistoj, i.a. s-ro Mboge Mbele Jean Marie, pioniro de la movado en Kameruno. Sekvis poste prezento pri la movada situacio, post konigo pri la celo: *revigligo de la movado en Kameruno* al la kunvenantoj.

Post interdiskutoj, estis decidite interalie pri la formala oficialigo de la asocio ĉe enlanda instanco antaŭ la jarfino, revigligo de kluboj en Duala, starigo de kluboj en diversaj urboj, kie troviĝas minimume unu esperantisto. S-ro Nto Victor ricevis la taskon proponi pri la asociaj statuto kaj regularo por kuna revizio de ili dum la sekva kunveno.

Elektiĝis la estraranoj de AEK jene: honora prezidanto kaj konsilanto, la pastro Anda Gabriel, prezidanto, sinjoro Wang Thomas Séraphin, Vicprezidanto, sinjorino Nguefack Chamberline, ĝenerala sekretario, sinjoro Nto Victor, vicsekretario, fraŭlino Dimoli Annette Carine, kasisto, sinjoro Nkou II Jean Paul, konsilanto pri juroj, sinjorino Essome Charlotte.

La kunsido finiĝis per komuna manĝo kaj anonco pri la venonta kunsido.

**Nto Victor**



**S-ro Wang Thomas Séraphin dum la 5-a AKE**

# Kongo Kinŝaso

DKEA plu okazigis E-elsendojn ĉe la nacia radio- kaj televidstacio RTNC sub la gvido de Paul Mazangu ĉiun ĵaŭdon. La elsendoj ĉe la radio kaj televidstacio *Yenge* en la urbeto Luozi okazis per la zorgo de Jean Pierre Basilua kun konstanta apogo de Batangu Mpesa. Agotago pri Esperanto organiziĝis en la nacia pedagogia universitato UPN helpe de ĝia E-Klubo. Tiun aranĝon partoprenis i.a. prof. Manda Tshebua el Libreville, nuna Ĝenerala Direktoro de CICIBA-Internacia Centro pri Bantu-aj Civilizacioj en Gabono, s-ro Okito Shungu, reprezentanto de la nacia Unesko-komisiono, prof. Joseph Ndundu Kivuila, la ĵurnalisto kaj verkisto Herman Bangi Bajo kaj aliaj, kiuj profitis la okazon por paroluzi Esperanton. La virina tago ne prisilentiĝis, same kiel la 30-a de junio - nacia tago en Kongo. Informado kaj utiligo de Esperanto okazis ankaŭ per muziko kaj koncertoj de la grupoj *Konga Espero* de s-ro Rock Tamba kaj *Anĝeloj* de E-Klubo de UPN.

2016 kroniĝis ankaŭ per starigo de E-domo, honore al la forpasinto Hans Bakker. En la domo, Esperanto ne estis nur instruata, sed ankaŭ praktikata per konversaciaj rondoj kaj per aliaj aktivaĵoj. En ĝi ekfunkciis malgranda biblioteko. La E-klubo Steleto kaj CEKIEF ekinstruis la verdan lingvon en la nacia blindula agadcentro en Kinŝaso danke al helpo de s-roj Pierre Luigi da Costa kaj Mavomo Mafuila. DKEA partoprenis ankaŭ en la *Agado Espero*, proponata de Diana Lukes per prezento de la lingvo al multaj lernejoj. En multaj lokaj kluboj okazis kursoj por komencantoj.

La estraro de DKEA kunvenis dufoje ĉiun trian monaton por firmigi la kontaktojn kaj efikigi la laboron en la lando. Tiujn kunvenojn partoprenis ankaŭ klubestroj, fakgrupestroj kiuj fakte konsistigas la komitaton. Kontaktoj kun la nacia Komisiono de Unesko okazis same kiel kun esperantistoj en la orienta Kongo, precipe en Rutshuru, kie agado pli kaj pli estas fruktodona kaj ankaŭ kun malnovaj aktivuloj kiel Jean Bosco Malanda, Emile Malanda kaj Florent Ntoto. Aldoniĝis al la listo de la honoraj membroj de DKEA s-ro Batangu Mpesa pro tio, ke li disponigis la sidejon kaj la salonon *Yenge*, kie okazis la ĉefaj agadoj de DKEA. Venis

ankaŭ la tradicia apogo de UEA kaj de ĝia Afrika Oficejo. En DR Kongo ekzistas entute 22 kluboj: 8 en Kinŝaso, 9 en la province centra Kongo, 1 en provinco Katanga, 3 en Nord-kivuo, 1 en Sud-kivuo kaj 5 fakgrupoj plus junulara sekcio de TEJO.

Dum la jaro 2016, multaj malfacilaĵoj okazis en la konga movado: a) la kluboj ne ĉiam akurate agadraportis al la Estraro, b) la ligoj ne efike funkciis inter la kluboj kaj la Estraro de DKEA, c) multnombraj esperantistoj ne kotizis kaj pro tio nur kelkaj devis per siaj kotizoj funkciigi la movadon, ĉ) la statistikoj pri enlandaj Esperantoparolantoj ne estis bone konataj, d) la multekosteco de pago por interreto bremsis la agadon, same kiel la manko de materialoj, e) ankaŭ la vasteco de la lando estis grava malfacilaĵo por la Estraro, kiu ne povis organizi rondvizitojn al ĉiuj kluboj, precipe kiuj sidejas en la orienta parto.

Rilate la diversajn malfacilaĵojn kaj por plua agado en 2017, DKEA petas al UEA/AO kaj aliaj Esperanto-instancoj ĉiam informi ĝin pri ĉiu ajna klopodo kun individuaj esperantistoj en DR Kongo, helpi al pliigo de delegitoj en Kongo per s-ro Monshet Nhy Wa Dana kiel ĉefdelegito kaj Ntoto Zola kiel Komitatano A de UEA.

**La Estraro de DKEA**

************

# Senegalo

Senegala Esperanto-Asocio naskiĝis en 1997 sub la iniciato de Alfonso Diatta. Ni estis ĉirkaŭ 50 membroj, ni kelkfoje kunvenis en la ĉefurbo Dakaro. Sed fakte ĉiu membro aktivis unuope kaj sekve la asocio preskaŭ endormiĝis. En la jaro 2011 per partopreno en la Monda Socia Forumo en la universitato de Dakaro, helpe de UEA kaj Mireille Grosjean, nia asocio revigliĝis. Poste en la fino de decembro okazis internacia seminario en Rufisko kun ekzameniĝo de 30 kandidatoj, el kiuj 17 sukcesis. En la jaro 2012 ni ankaŭ partoprenis en la monda kongreso de AVE kun helpo de Manfred Westermayer. Ni sukcesis krei novajn klubojn en la urboj Rufisko, Bargny kaj en la vilaĝo Goromo 2. Nia programo esence baziĝis sur lernado, ni kunvenis ĉiumonate en Rufisko dum tri horoj. Unu horo por diverstemaj diskutoj kaj du horoj por kurso. Speciala trimonata kurso okazis en mia hejmo pro peto de klubanoj. Vojaĝis al Senegalo la franca paro Edith kaj Pierre. Ili vizitis nian kurson kaj kuraĝigis nin, same venis gastino el Svedio, nome Anita Dagmarsdotter. Ankaŭ tiu ĉi helpis nin ĉar ŝi instruis en niaj kursoj. Kiel prezidanto, mi persone vizitis du lernejojn por spertiĝi pri la instrua arto kaj mi eluzis tiun okazon por reklami la internacian lingvon.

Por la nova jaro ni decidis ŝanĝi la strategion kaj tial kunvenos ĉiun duan semajnon en loko, kie loĝas esperantisto: Rufisko, Bargny, Goromo 2 ktp kun la celo instigi lernantojn praktike paroli la lingvon. Estas ankaŭ ideo krei retpaĝon kaj starigi agadcentron, kie kuniĝos regule esperantistoj kaj kie eventualaj interesiĝantoj pri la lingvo povos ricevi informojn kaj lerni Esperanton.

**Assane Faye**

************

# Tanzanio

La Esperanto-movado en Tanzanio post la jaro I996 ne evoluis. Ĝi malaktiviĝis ĝis plena endormiĝo. La kunvenoj en lokaj kluboj maloftiĝis kaj sekve kluboj dronis en morta endormiĝo. Rezulte multaj e-istoj perdis la emon kaj kuraĝon plu lerni la lingvon. Neniu plu agadis por la landa movado inter 1996 kaj 2013. Esperanto tiam iĝis persona afero.

En 2013 fondiĝis grupo de esperantistoj, Bunda Esperanto-Rondo. Tiu grupo laboris por plivivigo de Esperanto enlande, restarigo de la landa movado, instruado de la lingvo kun aparta atento al gejunuloj. BER ĉiel antaŭenpuŝis aktivulojn en diversaj landpartoj per vizitoj kaj informado al ili.

En la strebado por revigligo de la Esperanto-movado enlande, BER proksimigis kaj kunigis aktivulojn kiuj pretis kunlabori. Oni klopodis arigi instruantojn de la lingvo kaj poste petis sekciiĝon al ILEI en la nomo de IST. Aŭguste 2016 ILEI formale kaj oficiale akceptis la membriĝon de IST. En la sekcio (IST) nun enskribiĝis 14 instruantoj. Krom tiuj estas aliaj instruemaj aktivuloj en diversaj anguloj de la

landa teritorio. La instruado de la lingvo okazis en la urboj Mwanza, Bukoba, Sengerema, Muleba, Kahama, Daresalamo, Tanga, Kigoma, Arusha, Bunda. Lernado de la lingvo okazis ankaŭ en klubejoj kaj kelkaj unuopuloj mem lernis per lernolibroj. En Tanzanio la plej popularaj uzataj lernolibroj estis: *Jifunze lugha ya Esperanto* de Nino Vessella kaj la lernolibro *Ne krokodilo* de Jen Setrous. Estis ankaŭ Esperanto-kurso per vacapo. Tiu ĉi turniĝis fakte al instruemuloj. Tamen ankoraŭ en Tanzanio oni bezonas pli da parolaj kaj skribaj ekzercoj, des pli ke scio pri gramatiko estas ankoraŭ tre baza, parte pro memlernado de multaj enlandaj esperantistoj. Do utilas trovi eblon altigi nian lingvo-scion. Estas ankaŭ nia espero, helpe de UEA kaj ILEI havi specialan Esperanto-kurson aŭ AMO-seminarion en nia lando en la venontaj jaroj. Oni ankoraŭ insiste petas al UEA kaj ILEI okule sekvi la movojn en la kontinento kaj atente kunlabori por realigo de la rekomendoj de la 29-a AMO-seminario.

Starigo de oficejo kun la nomo Bunda Esperanto-Centro por helpi en la reklamo kaj evoluigo de la landa movado ankoraŭ estas nia revo. La ideo fariĝis interesa temo dum la sesa Afrika Kongreso en Bunda. Por realigi ĝin, estas bezonataj subteno kaj helpoagado de ĉiuj bonvolaj esperantistoj. Tiel bonvenaj, ekzemple, estas lerniloj, komputiloj, fotokopiilo, printilo ktp. Tiu ĉi ilaro helpos produkti surloke ekzercajn paperojn, multobligi lernomaterialojn cele al malpliigo de lerno-petoj al eksterlando.

**Mulele Mbassa**

************




**Kelkaj el la partoprenintoj de la 6-a AKE**

# Togolando

La instrufako de UTE estas TIETo. Tiu ĉi zorgas pri ĉio eduka de UTE. Apud TIETo estas ankaŭ TIS, la filio de ILEI en Togolando. Dum la jaro 2016 TIETo organizis kursojn Esperantajn kaj informadikajn por la membroj de UTE kaj ankaŭ por aliaj esperantistoj en julio kaj aŭgusto kun partopreno de ĉ. 10 lernemuloj. Krome TIETo zorgis ankaŭ pri la lernejo Instituto Zamenhof. La programo de TIS en 2016 koncernis nur la okazigon de ILEI-ekzamenoj en aŭgusto, sed tiu ne povis okazi pro funebro proksime de la loka ekzamena komisiono.

Redaktado de la periodaĵo *Alvoko*, la kunvenoj de la estraro kaj komitato UTE/JOTE, la okazigo de la 24-a TEK, la prizorgo de la UTE-domo okazis. La periodaĵo *Alvoko* aperis dufoje en la jaro. La estraro kunvenis unufoje kun la gvidantaro de la komitato en la jaro. Temis pri la triopa kunveno. La komitato kunvenis kvinfoje por trakti aferojn koncerne la funkciadon de la asocio. La gvidantaro de la komitato devis helpi al la estraro solvi multajn problemojn, ĉar la membroj de la estraro ne plene povis funkcii.

La 24-a TEK okazis la 27-an kaj 28-an de decembro en la vilaĝo Zowla. Tiam renoviĝis la gvidorganoj de UTE. Aparta afero dum tiu kongreso estis la decido de la komitato doni konkretan bazon al la asocio. Membro de UTE estas e-isto togolanda, kiu aliĝas al la asocio kaj pagas sian membrokotizon. UTE havu liston de veraj membroj, sur kiuj ĝi baziĝu por funkcii. La kongreso ne povis prisilenti la projekton Afrik-Eŭropa Junulara Kapabligo de TEJO, kaj ĝi petis retiriĝon de UTE kiel unu el la projektaj partneroj. La sidejo de UTE estas la UTE-domo. Temas pri la luita ĉambro de la asocio. Ĝi estis uzita en 2012-2014, kaj en la postaj jaroj preskaŭ forgesita kaj neglektita. Dum komitatkunsido de 2016, oni decidis okazigi en ĝi, ekde la jaro 2017, ĉiujn kunsidojn de UTE. Decas mencii ankaŭ la grupon vacapan de UTE, kiu ekfunkciis kelkajn monatojn antaŭ la fino de 2016.

En la tuj sekva jaro okazos prelegoj tra lernejoj kaj preĝejoj pri Esperanto. Dum manifestacioj diversaj en Togolando, ankaŭ pri Esperanto oni informos. Ĉiam oni klarigos kiel Esperanto



De dekstre: Attaglo K. Evienyeame, Afantchao-Biaku

kursoj diversnivelaj. Ili povos okazi surloke aŭ perkoresponde. Okazos ankaŭ seminarioj pri eksterlingvaj aferoj. Necesas, ke oni uzu Esperanton por akiri tion, kion oni volas, kaj tute honeste. Tial Esperanton oni ne nur instruu, sed ankaŭ uzu ĝin por lernigi pri io, kion oni celas atingi eksterlingve. Diversaj ekzamenoj okazos en la jaro. Temos pri ekzamenoj de TIETo kaj de ILEI/UEA pere de TIS - Togolanda ILEI-Sekcio. Redaktado de la periodaĵo *Alvoko*, starigo aŭ prizorgado de la retpaĝo de UTE, starigo kaj prizorgado de retlistoj de UTE-membroj kaj de togolandaj esperantistoj, aliĝo al UETA kiel UETA-filio en Togolando, starigo kaj prizorgado de vacapa grupo de UTE, kunvenoj de la instancoj de UTE, prizorgado de la UTE-domo, okazigo de la 25-a TEK, starigo kaj realigo de projektoj eksterlingvaj, starigo kaj prizorgado de Esperanto-kluboj memstaraj.

**Attaglo K. Evienyeame**

# Stipendikonkurso de ILEI

ILEI daŭrigas la programon de monsubteno al malriĉaj sed agade meritplenaj esperantistoj por ilia partopreno en ILEI-kongreso por plispertiĝi tra la kleriga kaj cetera kongresa programo.

Bonajn rezultojn (ni memoru ekzemple ILEI-konferencojn en Benino 2008, Kubo 2010, Belgio 2015, Hungario 2016, kaj ne nur tiujn) donis la kunlabora financado el fondusoj de ILEI, UEA, TEJO, aliaj privataj kaj asociaj fondusoj, kaj aparte aprezinda kontribuo de individuaj esperantistoj precipe por la altaj vojaĝkostoj kaj havigo de vizoj.

Ĉi-jare, laŭ mondispono en siaj fondusoj *Szerdahelyi*, *Dazzini* kaj *Linz*, ILEI anoncas konkurson (ĉi-sube kaj en la aldonaĵo) por stipendii 22 partoprenantojn de la 50-a ILEI-kongreso (Busano, 15-22 julio 2017, *http://www.ilei.info/agado/Busan2017.php*) kaj ankoraŭ anoncos konkurson por stipendiotoj el Afriko pere de sia Afrika fonduso.

La Estraro de ILEI anoncas konkurson pri stipendioj al 22 aliĝintoj de la 50-a Kongreso de ILEI en Busano, Korea Respubliko, 15–22 julio 2017, el kiuj
– 4 infanoj po 110 EUR por partopreno en la Infana Universitato
– 10 junuloj po 130 EUR por partopreno en instruista trejnado aŭ progresiga Esperanto-kurso.
– 8 plenkreskuloj po 140 EUR por partopreno en instruista trejnado.

La stipendioj estos enpagitaj el stipendiaj fondusoj de ILEI rekte al la kongresa kaso kiel
– kongreskotizo
– parto (100 EUR) de loĝkostoj en la junulargastejo Arpina (la kongresejo).

Gajnintoj de la stipendio mem pagos siajn vojaĝkostojn, vizkostojn kaj la ceteron de la restadkostoj super 100 EUR, ĉu per propra mono ĉu per helpo de aliaj stipendiantoj aŭ amikoj.

***Kondiĉoj***

La stipendion povos gajni aliĝintoj kiuj:
* ne ĝuis kongresstipendion ajnafontan en la lastaj 4 jaroj
* ne partoprenis ajnan kongreson de UEA, ILEI aŭ TEJO en la lastaj du jaroj
* havas subtenon de landa asocio/sekcio, aŭ UEA aŭ TEJO aŭ kontinenta komisiono de UEA, aŭ estrarano de ILEI, por gajni la stipendion
* akceptas plenumi kelkajn taskojn dum la kongreso helpe al la organizantoj (deĵorado, protokoloj, ordigado de ejoj, enketoj inter kongresanoj).

***Kiel konkursi?***

* Bonvolu aliĝi per aliĝilo atingebla tra *http://www.ilei.info/agado/Busan2017.php.*
– En la aliĝilo elektu la pagmanieron "al ilek–a"
– En Komentoj indiku: "Mi petas stipendion. Mi deziras partopreni en..."
* Vi sendu en aparta dosiero vian sinprezenton kun motivoj por la stipendio kaj via subtenanto sendu sian rekomendon al *radojica.petrovic.rs@gmail.com* kaj *ilei.sekretario@gmail.com* plej malfrue la 30-an de aprilo 2017.

# Forpasis sinjoro Ferdinand Kinkani (1955 – 2017)

Forpasis la 17-an de marto 2017, post subita malsano, s-ro Ferdinand Kinkani en la franca urbo Colmar. Li naskiĝis la 10-an de decembro 1955 en Kinŝaso en la provinco Kasa-Vubu. Li estis la tria el ses infanoj de siaj gepatroj Maria Landu kaj Kinkani Sebastian. Li edziĝis kun Luzala Jacqueline kaj havis ses gefilojn. Krome Ferdinand havis je sia ŝarĝo la prizorgon de tri-deko da georfoj.

Ferdinand Kinkani studis kaj havis diplomon pri doganaj formalaĵoj. En septembro 2010 li vojaĝis kaj ekloĝis en Eŭropo. Dum sia eŭropa vivo li faris ĉu profesie ĉu volontule multajn laborojn. Li laboris ankaŭ kiel estro de nutraĵa produktejo ĉe Cowbel.


Ferdinand Kinkani (1955 – 2017)

En 1991, Ferdinand Kinkani malkovris novan pasion por la lingvo Esperanto, kiun li eklernis en Kinŝaso. Jarojn poste li fariĝis Esperanto-instruisto kaj prezidanto de la E-kluboj en Kinŝaso kaj en Angolo.

Ferdinand Kinkani partoprenis en multaj Esperanto-renkontiĝoj, i.a. Itala Esperanto-Kongreso, la 100-a Universala Kongreso de Esperanto, dum kiu li iniciatis vendon de afrikaj pentraĵoj kaj brakhorloĝoj, subtene al siaj aktivaĵoj en la kontinento.

Ferdinand Kinkani estis membro de diversaj Esperanto-fakgrupoj kaj ascioj, i.a. Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF), Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj (TAKE), Espéranto-France. Li estis ankaŭ unu el la motoroj de la Esperanto-movado en Angolo kaj fondinto de la organizo Eŭrop-Afrika Solidareco, kiu ekigis diversajn evoluigajn projektojn en Angolo.

Ferdinand Kinkani estis sindonema homo, kiu dediĉis plene la lastan parton de sia vivo al la Esperanto-movado kun la celo konstrui la E-lernejon en Angolo, lia hejmlando.

**(Viktor Lufimpu)**

## Limdato por *Esperanto en Afriko* n-ro 31: la 30-a de majo 2017

*Kion faras via landa asocio aŭ via loka Esperanto-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio akceptas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble estas ankaŭ sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al:* adjevia@gmail.com

"*Esperanto en Afriko*" *estas trimonata oficiala periodaĵo de la Afrika Komisiono de UEA pri la Afrika Esperanto-movado.*

***Redaktas:*** *Adjévi Adjé, 06 B.P. 61807, Lomé – TG, Togolando; tel.: +228 902 57 549, 995 72 623.*

**Membroj de la eliranta Afrika Komisiono de UEA:**
1- **Kunordiganto** – Adjévi Adjé, Togolando
2- **Vickunordiganto** – Jean Codjo, Kanado
3- **Junulara agado, TEJO-sekcioj** – Jérémie Sabiyumva, Burundo
4- **ILEI-sekcioj, regionaj agadoj** – Émile Malanda Nianga, Sudafriko
5- **Landaj asocioj, kluboj** – Jean Bosco Malanda Lutete, DR Kongo